# La LAMPIRO

50-A JARO N-RO 124 2009

*Oficiala Organo de EASP*
*(Esperanto-Asocio de San-Paŭlo)*

*Kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP*

**ĈEFREDAKTORO:**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 2791-6420

**REVIZIANTOJ:**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**KOMPOSTADO KAJ GRAFIKARANĜO:**
José Roberto Tenório

**ABONU "LA LAMPIRO"-N!**
Brazila abontarifo por 2009: R$ 25,00
Unuopa ekzemplero: R$ 10,00

*La Redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*




# Enhavo



## KAJERO "MOVIMENTO"



**KOVRILFOTO:**
La brazila ĵurnalisto kaj verkisto Euclides Rodrigues Pimenta da Cunha.

# Kie Sylla Chaves?



**Sylla Chaves**
*(1929 - 2009)*

SYLLA CHAVES DEĴORAS EN OLIMPO

Poetoj ne forpasas. Poezio ne putras,
kiel putras ja kompoto...
**Daŭras SYLLA** en la Akademio
**SYLLA CHAVES: poeto, poligloto.**
Samideano klera, patrioto
kara majstro pri vorto, gramatiko
la lasta opinio pri radiko
**SYLLA CHAVES: poeto, poligloto**
Ne manku tie-ĉi sincera noto:
"vortaristo en plena evoluo
en la Movado restas li guruo"
**SYLLA CHAVES: poeto, poligloto**
Admiralo de nia Verda Floto
pro merito kaj laŭ reputacio
en la praktiko kaj en teorio
**SYLLA CHAVES: poeto, poligloto**
**Li venkas**, ne necesas la baloto,
en la listo li estas mem la kapo,
ne sacerdoto, tamen nia papo
**SYLLA CHAVES: poeto, poligloto**
Poetoj ne forpasas! Poezio
ne putras, kiel putras ja kompoto...
**Daŭras SYLLA** en la Akademio
**SYLLA CHAVES: poeto, poligloto**

JO®GE DAS NEVES

poeta@infolink.com.br
http://jorgedasneves.com
http://georgapoemo.blogspot.com

# LBV omaĝas la kreinton de Esperanto

**Joseo Tenorjo**
*São Paulo/SP*




Freŝdate aperis plia esperanta versio de la revuo Bona Volo (jaro 23/n-ro 65). Gratulinda estas la laboro de la eldona fako de Legio de Bona Volo, kiu pluan fojon surprizas la esperantistaron per alloga publikigaĵo kun riĉa enhavo bunte ilustrita.

Plej gratulinda tamen estas la decido de la gvidanto de la institucio, la ĵurnalisto kaj verkisto Paiva Netto, kiu ne ŝparis rimedojn por havigi al la esperantista komunumo tiel bonkvalitan revuon.

Per tiu ekzemplo la aŭtoro de la artikolo "Ne timu la krizon. Ĝi forpasos, vi restos", kiu aperas en tiu ĉi revuo, memorigas nin pri tio, ke valoras la penon investi en la estonteco de la homaro, per subteno al kulturaj agadoj.

Krom tiu kuraĝiga mesaĝo de la gvidanto de LBV, la revuo prezentas la specialan artikolon "Zamenhofa Jaro - Esperanto kiel paca ponto", per kiu la institucio omaĝas la 150-jariĝon de la naskiĝo de la iniciatinto de Esperanto, Dr. L.L. Zamenhof, nome de ĉiuj esperantistoj ideale laborantaj cele progresigi la tutmondan heredaĵon postlasitan de tiu homarana pacamanto.

En tiu artikolo distingiĝas ankaŭ la multjara kunrilato inter LBV kaj Esperanto. Danke al tiu kunrilato eldoniĝis pluraj publikigaĵoj (libroj, revuoj, retartikoloj), efektiviĝis multaj kongresvojaĝoj (enlandaj kaj alilandaj) kaj kreiĝis la esperanta versio de la oficiala retejo de la institucio, per kiu la tutmonda esperantistaro povas konatiĝi kun ĝiaj ekumenaj kaj sociedukaj agadoj, rekonataj i.a. de Unuiĝintaj Nacioj, kun kiuj ĝi havas ĝeneralajn konsultajn rilatojn.

Per revuo Bona Volo, ĝia eldona stabo celas prezenti spiritualecon el ekumenisma vidpunkto surbaze de aktualaj okazaĵoj, kiuj minacas la trankvilon de nia moderna mondo, postulante de ni pli solidaran intervenon en la sociaj kaj mondaj problemoj.

Tiu ĉi speciala numero de la revuo estis preparita cele la jubilea 94a Universala Kongreso de Esperanto, en kiu reprezentiĝis Legio de Bona Volo, inter la tagoj 25a de julio kaj 1a de aŭgusto 2009, en la pola urbo Bjalistoko.

LBV faris longan vojaĝon por prezenti sian omaĝon kaj ekumenan mesaĝon, sed vi povos mallonge kaj virtuale refari la vojon por konatiĝi kun ĝiaj laboroj per vizito al la retejo <*www.bonavolo.com*> kaj kapti la okazon por elŝuti pdf-version de la menciita publikigaĵo el <*http://www.boavontade.com/pdf/BonaVolo/65.pdf*>.



# La fina vojaĝo per taksio

*Aŭtoro:* **Don Rico**
*http://www.rico.com.br*

**Esperantigis:**
**Fernando J.G. Marinho**
*Rio de Janeiro/RJ*

Dum iom da tempo kiel ŝoforo mi perlaboris mian vivtenadon. La pasaĝeroj sub absoluta anonimeco enveturiĝis. Kaj, kelkfoje rakontis okazaĵojn rilatajn al sia vivo, siaj ĝojoj kaj malĝojoj...

Mi trovis homojn, kiuj surprizis min. Tamen, neniun kiel tiu de la nokto 25ª/26ª de Julio, jaro en kiu mi forlasis la taksian laboron!

Estis tre malfrue, kiam en tiu nokto mi ricevis alvokon el malgranda konstruaĵo situanta ĉe trankvila strato de antaŭurbo de Belorizonto( Belo Horizonte-MG), ĉefurbo de la ŝtato Minoj (Minas Gerais-BR).

Alveninte tie, mi aŭdis bojadon el malproksime. La konstruaĵo estis malluma, kun sole nur lumiganta lampo ĉe teretaĝa fenestro.

Sub tiuj cirkonstancoj, aliaj hupus du aŭ tri fojojn, atendus nur iomete, kaj sekve forirus.

Tamen, mi sciis, ke multaj homoj dependas de taksioj kiel la nura veturilo disponebla je tiaj horoj.

Do, escepte kiam la situacio estis evidente danĝera, mi ĉiam atendadis...

"Tiu pasaĝero povas estis iu, kiu bezonas helpon", mi pensis. Tial, mi alproksimiĝis je la pordo, kaj frapis ĝin.

"Momenteton", respondis voĉo debila kaj maljuna. Mi aŭdis la trenadon de io sur la planko... Post longa silento, la pordo malfermiĝis. Tiam mi rimarkis , ke antaŭ mi estas tre maljuna sinjorino, malgranda, laŭaspekte fragila!

Ŝi uzis mikskoloran robon kaj strangan ĉapelon similan al tiuj uzataj de maljunaj sinjorinoj en filmoj de la kvara jardeko! Ŝi tenis sin en ekvilibro helpe de bastono, kaj samtempe malfacile kunportis valizeton...

Eblis rimarki , ke la meblaro estas tute kovrita per littukoj. Neniu horloĝo, vesto aŭ ornamaĵo sur la mebloj. Ĉe angulo restis malfermita skatoleto kun fotoj kaj vitraĵoj...

La maljunulino timeme ekridanta (eble pro tio , ke ŝi ne plu havis eĉ denton) petis al mi:

"Ĉu vi povus helpi min porti la valizon?"

Mi prenis la valizon, kaj helpis ŝin malrapide iri ĝis la aŭtomobilo.Dum sia akomodiĝado ŝi daŭre dankis min...

— "Nedankinde, mi nur klopodas trakti miajn pasaĝerojn, kiel mi ŝatus, ke oni traktu mian maljunan patrinon"...

— "Ho!, vi estas bona knabo!"

Post nia enveturiĝo, ŝi transdonis al mi adreson , kaj petis:

— "Ĉu vi povus ŝofori tra la centro de la urbo?"

— "Ĉi tiu ne estas la malpli longa itinero", mi tuj avertis ŝin.

— “Ne gravas... Mi ne hastas...Tiu estas mia fina celo! La azilo por maljunuloj”...

Surprizite, mi rigardis per la retrospegulo. La okuloj de la eta maljunulino estis brile eklarmantaj...

— “Mi ne plu havas familion, kaj la kuracisto diris al mi, ke mi havas tre malmulton da tempo”...

Mi zorge kaŝmalŝaltis la taksimetron, kaj demandis :

— “Kiun itineron vi deziras, ke mi prenu?”

Dum la sekvantaj horoj ni veturis tra la tuta urbo. Ŝi montris al mi la konstruaĵon sur la Placo 7, kie ŝi iam laboris kiel liftistino...

Ni preterpasis la ĉirkaŭaĵojn, kie ŝí kaj ŝia edzo vivis en unuaj tempoj de sia geedziĝo. Kaj ankaŭ la Preĝejeton San-Francisko, en la kvartalo “Pampulha”, kie ili festis sian Oran Jubileon!

Ŝi petis, ke mi pasu fronte al malgranda vendejo de mebloj, situanta proksime de la Placo de la Libereco, kie iam estis granda salono de baloj frekventita de ŝi dum ŝia juneco!

Fojfoje, ŝi petis, ke mi malrapide veturigu kiam ni estis antaŭ apartaj konstruaĵo aŭ angulo.Ĝuste en tiuj okazaĵoj, ŝi fiksis sian rigardon al la mallumo, sen paroli ion ajn...Kaj rigardadis. Rigardadis kaj sopiradis...

Tiel ni ĉirkaŭiradis dum la tuta nokto...

Kiam la unua sunradio ekaperis en la horizonto, ŝi neatendite diris:

— “Mi estas laca... Kaj preta! Ni iru nun!”

Do, silente ni iris al la adreso, kiun ŝi antaŭe transdonis al mi. Ni alvenis al konstruaĵo ĉirkaŭita de arboj, malgranda ripozodomo.

Du akceptistoj paŝis ĝis la taksio, tuj post mia halto. Ili estis afablaj kaj zorgemaj, kaj tuj alproksimiĝis al la maljunulino, kiun ili ŝajne atendadis.

Mi malfermis la kofrokovrilon de la aŭto kaj kunportis la malgrandan valizon ĝis la pordo. La sinjorino, tiam jam sidanta sur radseĝo, demandis pri la kosto de la veturado..

— “Kiom mi ŝuldas al vi?”, ŝi demandis prenante la monujon.

— “Neniom!”, mi diris.

— “Nepras, ke vi perlaboru viajn vivrimedojn, mia knabo.”

— “Estas aliaj pasaĝeroj”, mi respondis.

Preskaŭ senpripense, mi klinis min kaj ĉirkaŭbrakis la sinjorinon. Ŝi emocie ankaŭ envolvis min, kaj reciprokis per kortuŝa kiso plenplena de la plej pura kaj sincera danko! Kaj diris:

— “Vi donacis al ĉi tiu maljunulineto ĝojigajn momentojn, kiujn delonge mi ne plu spertis...Nur Dio scias kiom multe vi faris por mi! Dankon, MIA AMIKO!

Milon da dankoj!!!”

Mi lastfoje kunpremis ŝian manon, kaj foriris tra la eklumiĝo de la mateno , sen retrorigardi, ĉar larmoj torente ekfluis sur miajn vangojn...

Malantaŭ mi pordo fermiĝis.

Ĝi sonis kiel la fino de iu vivo...

En tiu tago mi ne plu veturigis pasaĝerojn.

Perdita en miaj pensoj, mi sencele stiradis.Mi apenaŭ sukcesis paroli.

Post du tagoj, mi kuraĝis reveni al la azilo por vidi kiel fartas mia plej nova amikino.Oni tiam diris al mi, ke en la pasinta nokto ŝi ekdormis por eterne, en paco kaj feliĉo...

Kaj mi restis konjektanta pri la ebleco, ke tiu maljunulineto povus esti veturigita de malbonedukita kaj malamema ŝoforo... Aŭ de iu senpacience atendanta sian deĵorfinon...

Ho, Dio! Kaj se mi estus rifuzinta la veturadon? Aŭ unufoje hupus kaj forirus?...

Rememorante tion, mi emas konkludi, ke neniam mi faris ion pli gravan dum mia ĝistiama vivo!

Ordinare oni alkutimiĝas pensi, ke niaj vivoj dependas de grandaj okazaĵoj.

Tamen, GRANDAJ OKAZAĴOJ ofte neatendite trafas nin , kaj daŭre restas garditaj en anguloj, kiujn preskaŭ ĉiuj konsideras negravaj... kiam ni perceptas tion...estas malfrue.

HOMOJ POVAS NE ĜUSTE MEMORI KION VI FARIS AŬ DIRIS.

SED, ILI ĈIAM MEMOROS PRI TIO, KIEL VI IGIS ILIN SENTI SIN.

VI POVAS DO ESTIGI LA DIFERENCON!

PRIPENSU TION!!!

LA MALJUNULOJ DE HODIAŬ, ESTAS KVAZAŬ NI MEM EN LA MORGAŬO!



AL LA KAREGAJ GEESPERANTISTOJ DE LA TUTA BRAZILO

**José Saraiva Mattos**
*resgatesaraiva@ig.com.br*

Estas necese informi ke en **BRAZILO**, ekzistas pli ol 100 (cent) avenuoj, placoj kaj stratoj, kiuj nomiĝas: **ESPERANTO** kaj **D-ro ZAMENHOF.** Bedaŭrinde la loĝantoj de tiuj lokoj scias nenion pri la Internacia Lingvo, kaj same pri la genia kreinto de tiel mirinda tutmonda komunikilo.

**KION fari? –** ***"... ni, esperantistoj, devas labori pli energie ol iam"*.** (Dua Kongreso en Ĝenevo, 1906) Observante tiun rekomendon de la **Majstro**, ***"Ni GEesperantistoj"*** de **BRAZILO**, devas periode, iri unuope, duope, triope, multope al tiuj lokoj kaj klare kaj objektive, klarigi al la tieaj loĝantoj pri **ESPERANTO** kaj ties genia **KREINTO**. **– Necesas nur fari tion! –** Aldonindas ke en **SALVDOR**, **BEA-**Estraro, karavane, jam iris dufoje ĉi-jare al la Strato **ESPERANTO**, Kvartalo GRAÇA, kaj tie disdonis multajn flugfoliojn. Same okazis en la Strato Kanoniko Perejra, kie estas la sidejo de **BAHIA ESPERANTO-ASOCIO.** Ni ne forgesu, la bedaŭrindan okazaĵon de SANTO ANTÔNIO DE JESUS-BA. Tie la strato **ESPERANTO** hodiaŭ nomiĝas: ***Av. Antônio Carlos Magalhães***. Dankon, pro Via senlima pacienco!

Via 91-Jarulo Jozefo HAJLO.
– Salvador-Bahia, Brazilo

Disvastigu AMASE!!!. - NENIU brazila esperantisto devas ignori la gravecon de la problemo!!!

# Lingvo Gutoj

**Geraldo Mattos**
*Curitiba/PR*
www.gmverda.com.br



## Participo

La nuna eseeto estas farata por brazilanoj, sed pri participoj eraras internaciaj komencantoj kaj finintoj. Unu el ili ĉiu konas, ĉar li estas D-ro Esperanto en sia Internacia Lingvo, p. 21 (Varsovio: Ch. Kelter, 1887. Represo de Vilho Setälä: Helsinki, 1948):

Kiam mi havos vian respondon, mi sendos al vi la libreton; [...] sendu ĝin ĉiun vilaĝon [...] ĉiun urbon kaj urbeton, kie vi nur havas amikojn aŭ konitojn.

Kial li eraris post la kreo de sistemo kun tri subjektaj participoj [-anta / -inta / -onta] kaj tri objektaj [-ata / -ita / -ota]? Konfuzo post 4 lingvoformoj en 9 jaroj: 1878-1887...

Subjektaj participoj adjektivas la vortojn, kiu estas subjektoj de la koncerna verbo: dormanta / dorminta / dormonta... Kiel aktiva? Objektaj participoj adjektivas la vortojn, kiuj estas objektoj de la koncerna verbo: defendata / defendita / defendota... Kiel pasiva?

Tiuj eraroj tamen venas ĝis nun pro la trankvila, sed erara egaligo inter participoj kaj adjektivaj frazoj, kiun cetere la Fundamento de Esperanto proponas:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| -anta | kiu -as | homo teganta / reganta | -anta | kiun -as | fotelo tegata / lando regata |
| -inta | kiu -is | homo teginta / reginta | -inta | kiun -is | fotelo tegita / lando regita |
| -onta | kiu -os | homo tegonta / regonta | -onta | kiun -os | fotelo tegota / lando regota |

Ilia malegaligo devenas de tio, ke verboformoj indikas la tempon de la parolo, kaj la participoj la tempon de la fakto. Kiel adjektivo, participoj ne plu rilatas al verboformoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| -as | dum homo parolas | -anta / -ta | dum la fakto okazas / okazis / okazos |
| -is | post ol homo parolas | -inta / -ta | post ol la fakto okazas / okazis / okazos |
| -os | antaŭ ol homo parolas | -onta / -ta | antaŭ ol la fakto okazas / okazis / okazos |

Participo estas adjektivo kaj kondutas kiel ĉiu el ili:

Li vendas la belan tegitan fotelon de la riĉa bone regata firmao.

Li vendis la belan tegitan fotelon de la riĉa bone regata firmao.

Li vendos la belan tegitan fotelon de la riĉa bone regata firmao.

Tegita sofo rezultas de homo teginta, sed lando regita rezultas de homo reginta, sed estas homo sen rego kaj lando sen rego… Estinta participo de agoverbo indikas rezulton, sed estinta participo de stato verbo indikas foreston de stato, nome statoneo:

Poltrona encapada [tegita] / terra governada [regata]

Mi citas el Brazila Esperantisto (n-ro 330, jan/mar 2006, p. 1):

[Libeks] La unua esperantisto loĝinta en Brazilo [enda: loĝanta].

Loĝinta homo estas homo post la loĝo, sekve ne plu loĝanta…

Tio dependas de la dusenceco de la portugala, kies participo estas estinta por agoverboj kaj estanta por statoverboj. Mi do ripetas en la sama supra kunteksto

encap**ado**: teg**ita** [kiun oni tegis: que a gente encapou, nunca *encapava*]

domicili**ado**: loĝ**anta** [kiu loĝas / loĝis / loĝos: que mora / morava / morou / morará]

Tri magiaj vortoj:

**dum** la fakto [-anta / -ata] / **post** la fakto [-inta / -ita] / **antaŭ** la fakto [-onta / -ota].



## Senmorta Sylla

El mia koro la larmoj venas
Banas mian animon per ploraj sentoj
La doloro kiun mia brusto sidas
Devas esti la sufero de ĉiuj samideanoj.

En nia movado Sylla ne plu estas,
Sed per siaj senmortaj verkoj li vivas.
Pro tio, mi ne diras adiaŭ,
Ĉar en la ĉielo liaj laboroj daŭras.

Sonia Mary Ribeiro
Mongaguá-SP

# Traduko por komparo



**Floriano Pessoa**
*Rio de Janeiro*

Unu el la temoj preferataj de nia gazetaro estas la tradukado, ĝia malfacileco, konkursoj kaj defioj kiuj allogas la leganton. Prava entuziasmo, ĉar per tia ekzerciĝo oni multe lernas pri gramatiko kaj stilo, kaj krome ĝuas literaturon.

La jenan tekston mi elektis kaj tradukis el la fama "Parolado al la junuloj" (jurdiplomitoj de 1920), de Rui Barbosa. La paralela aperigo de la portugala originalo kaj de la Esperanta versio celas ĝuigi al la leganto la klasikan stilon de la eminenta juristo kaj verkisto.

EGALECO

En la universo ne ekzistas du aĵoj egalaj. Multaj similas unuj aliajn. Sed ĉiuj diferencas inter si.La branĉoj de unu sola arbo, la folioj de unu sama planto, la strioj sur la karno de unu homa fingro, la gutoj de la sama fluido, la eroj de la sama polvo, la spektraj linioj de unu sola radio suna aŭ stela. Kaj tiaj diferencoj ĉialoke montriĝas, de la ĉielaj astroj ĝis la mikroboj en la sango, de la spacaj nebulozoj ĝis la perletoj el roso sur la herbo kampara .

La regulo pri egaleco nenio alia estas ol malegale doni al neegaluloj, laŭ la mezuro de ties neegaleco .En tiu socia malsameco, proporcia al la malsameco natura, sidas la vera leĝo de egaleco. Ĉio cetera estas delirado el envio, orgojlo aŭ frenezo.Malegale trakti egalulojn, aŭ samforme trakti neegalajn, tio estus evidenta malegaleco, ne egaleco reala. La homaj fideziroj ekpensis renversi la universalan normon de kreado kaj volas ne doni al ĉiu laú lia vera merito,sed atribui la samon al ĉiuj, kvazaŭ ili same valorus.

IGUALDADE

Não há, no universo,duas coisas iguais. Muitas se parecem umas às outras. Mas todas entre si diversificam. Os ramos de uma só árvore, as folhas da mesma planta, os traços da polpa de um dedo humano, as gotas do mesmo fluido, os argueiros do mesmo pó, as raias do espectro de um só raio solar ou estelar. Tudo assim, desde os astros no céu, até os micróbios no sangue, desde as nebulosas no espaço, até aos aljôfares do rocio na relva dos prados.

A regra da igualdade não consiste senão em quinhoar desigualmente aos desiguais, na medida em que se desigualam. Nesta desigualdade social, proporcionada à desigualdade natural, é que se acha a verdadeira lei da igualdade. O mais são desvarios da inveja, do orgulho ou da loucura. Tratar com desigualdade a iguais, ou a deesiguais com igualdade, seria desigualdade flagrante, e não igualdade real. Os apetites humanos conceberam inverter a norma universal da criação, pretendendo, não dar a cada um, na razão do que vale, mas atribuir o mesmo a todos, como se todos se equivalessem.

Movimento
CADERNO COM O PANORAMA DO PROGRESSO DO ESPERANTO
ANO 7 – Nº 21 – 2009

# O adeus do eminente esperantista Sylla Chaves


Foto: Aloíso Sartorato

**Sylla Magalhães Chaves** (1929 - 2009) nasceu em Santana do Livramento/RS, próximo à divisa Brasil-Uruguai. Seus pais, Tullio e Zillah Chaves, eram poetas poliglotas, o que contribuiu para a formação cultural e acadêmica do ilustre esperantista. O pequeno Sylla tinha 7 anos, quando seus pais e seus irmãos mais velhos começaram a estudar o Esperanto em casa. No ano seguinte a família mudou-se para o Rio de Janeiro, e a partir daí o pequeno Sylla começou a estudar o idioma, sozinho, pelos cadernos de sua irmã mais velha - a única dos alunos da família que após os estudos se dedicou à leitura e à correspondência, em Esperanto, mas que já não morava mais com os familiares.

Em 1946, após ter estudado sozinho e lido dois livros, Sylla Chaves tomou conhecimento da existência da Liga Brasileira de Esperanto e fez uma visita à sua sede, no Rio. Nesse ano ele dedicou-se quase que exclusivamente ao estudo do idioma e, em dezembro desse mesmo ano, tornou-se "professor aprovado" após exame com o exigente dicionarista e notório tradutor Porto Carreiro Neto.

Em 1954, formou-se em Advocacia, no Rio; em 1954/1956 estudou Ciências Políticas, en Paris, como bolsista pelas Nações Unidas; em 1970/1972, recebeu o título de Mestre em Comunicação, na Califórnia, como bolsista pelo Governo americano. Por meio de concurso público, tornou-se funcionário do Secretariado da ONU, em Nova Iorque, entre os anos 1950 e 1953, e do Secretariado da Unesco, em Paris, entre os anos 1957 e 1960. No entanto, sua principal

atividade profissional, durante mais de 40 anos, foi a carreira de professor na Escola de Ensino Superior de Administração da Fundação Getúlio Vargas, no Rio, a partir de 1953, onde lecionou principalmente Comunicação.

Por ocasião de suas viagens, no Brasil e em várias partes do mundo, ele se utilizou quase sempre do Esperanto. Seu principal trabalho em prol do Esperanto tem uma ligação íntima com os movimentos esperantistas de Nova Iorque, Califórnia e Paris, Associação Universal de Esperanto (UEA) e Associação Anacionalista Mundial (SAT). Quando esteve em Paris, regularmente participou do lendário clube de variedades "La Tri Koboldoj", onde se reuniam esperantistas famosos. Presidiu a Liga Brasileira de Esperanto por quatro anos (1978-1982); durante dois meses serviu como Professor convidado no Instituto de Pedagogia Cibernética da Universidade de Paderbom; foi membro da Academia de Esperanto durante nove anos (1986-1995).

Vasta e diversificada é a sua bibliografia, em português e em Esperanto. Interessava-se principalmente pelos alunos autodidatas do Esperanto espalhados pelo imenso território brasileiro. Razão porque elaborou cursos por correspondência, para o rádio e TV, e publicou uma enorme variedade de material didático: leituras para principiantes, discos, fitas cassetes, fitas de vídeo, CDs e DVDs, com monólogos, diálogos, declamações e cantos. Foi contemplado com diversos prêmios literários e participou de várias antologias. Em 1991, foi agraciado com o Prêmio Onisaburo Deguĉi pelo uso do Esperanto em favor da paz mundial e da felicidade da humanidade, e, em 1992, recebeu a distinção de membro honorário da Associação Universal de Esperanto (UEA). Recentemente vinha dedicando-se a elaboração de quatro dicionários, dos quais um, "Oportuna Poŝvortaro" (Esperanto-português) foi publicado em 2008. O objetivo de tamanha empreitada era um só: restaurar a simplicidade perdida do idioma Esperanto.



*Texto traduzido da apresentação do autor, publicada na antologia **Brazila Esperanta Parnaso**.*

## Juventude esperantista tem novos diretores

Foi eleita a nova diretoria da Organização Mundial da Juventude Esperantista (TEJO). Cerca de 300 jovens foram à cidade de Liberec, na República Checa, participar do Congresso Internacional da Mocidade. Como presidente foi escolhido o austríaco Gregor Hinker e como vice, Paulína Kožuchová, da Eslováquia. O novo corpo diretivo atuará no biênio 2009-2011.

***Noticiário Esperantista*** - Fabiano Henrique / Fabhenrique @bol.com.br

# 44º Congresso Brasileiro de Esperanto supera as expectativas

Encerrou-se, no dia 17 de julho de 2009, em Juiz de Fora, o 44° Congresso Brasileiro de Esperanto - uma das melhores edições dos últimos congressos brasileiros de Esperanto. A prova disto foram os calorosos aplausos de mais de cem congressistas, que participaram da solenidade de encerramento, dirigidos à organizadora do evento, Ângela Faria, e equipe.

Com a participação de quase quatrocentos visitantes, incluindo alguns estrangeiros (uma polonesa, uma francesa, um americano e um português), o Congresso começou no domingo à tarde, no Auditório do Centro Superior de Ensino de Juiz de Fora.

Após as palavras da Mestre de Cerimônia, Maria Nazaré Loroca, e a formação da mesa com autoridades convidadas, foram cantados os Hinos do Brasil e do Esperanto. Às saudações dos representantes à mesa seguiu-se a palestra de abertura proferida pelo Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, Prof. José Passini. A solenidade de abertura foi encerrada com números artísticos. Foi feita uma homenagem ao récem-falecido poeta e tradutor, Prof. Sylla Chaves, por meio de projeção com fotos sobre o eminente esperantista e sua obra. A poetisa fluminense, Neide Barros Rêgo, encantou o público, declamando o poema 'La Vojo', de autoria de L.L. Zamenhof, e cantando a música 'La suno mia', em tradução de Sylla Chaves. Para encerrar, o quarteto de chorinho, Clube do Choro de Juiz de Fora, apresentou destramente várias peças deste gênero musical brasileiro.




## Segunda-feira

O congresso propriamente dito começou na segunda-feira, em um local muito apropriado. Trata-se de um antigo liceu, onde atualmente funciona o Centro Superior de Ensino de Juiz de Fora. No pátio interno, foram instaladas variadas bancas expositoras: da revista Brazilei, da Cooperativa Cultural dos Esperantistas (KKE), da Sociedade Lorenz, da Organização da Juventude Esperantista Brasileira (BEJO), de camisas (Amarílio Carvalho) e outras. Nos intervalos das palestras, os congressistas se reuniam e conversavam lá. Também no pátio, de tempos em tempos aconteciam apresentações artísticas, a exemplo do ótimo Coral das Meninas do Colégio Santa Catarina que graciosamente cantaram o Hino do Esperanto.

Já na segunda-feira foram apresentadas várias palestras interessantes: Pasporta Servo (Serviço de Intercâmbio), com Luiz Alberto Coelho; Ismael Gomes Braga, Pioniro de E-o en Brazilo (Ismael Gomes Braga, Pioneiro do Esperanto em Brasil), com Affonso Soares; Esperanto Dormi Helpas (O Esperanto ajuda a Dormir) com Elmir Lima; Ĉina Kalkulilo (Ábaco Chinês) com Jorge Linck; Euclides da Cunha - nia tragika geniulo (Euclides da Cunha, nosso gênio trágico) com Paulo Sérgio Viana; Homa Voĉo, laŭ muzika vidpunkto (A Voz Humana do ponto de vista musical) com Alfredo Aragón; Nuna Situacio de Fizika Mediumeco (A Atural Situação da Mediunidade Física) com Wendel Teles Pontes; La korpo parolas - kiel la homoj esprimas sentojn senvorte (O corpo fala - como as pessoas expressam sentimentos sem palavras) com Alexandre Serafim.

Neste mesmo dia foram lançados o livro Esperanto por Lernejaj Klasoj, de Josias Ferreira Barboza, e um CD com preleções de Ismael Gomes Braga, pelo KKE. Também se desenvolveram os tradicionais cursos de Esperanto: para principiantes, com o instrutor Jair Salles, de conversação, com o instrutor José Roberto Alves de Albuquerque, e o Superior, com o Professor Geraldo Mattos.

O Ex-Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, Prof. Pedro Cavalheiro, foi especialmente convidado para dirigir, em português, durante toda a segunda-feira, o debate sobre o tema do congresso: Juventude e o Esperanto: Bases para o Futuro.

A noite de segunda-feira encerrou-se com apresentações artísticas de alto nível: declamações de poemas de Raymundo de Souza, por Ângela Faria; declamação bílingüe, português e esperanto, do poema Donaco, de autoria de Margarida Lopes de Almeida, por Neide Barros Rêgo; apresentação do trio musical Família Ribeiro (Kim, o irmão e o sobrinho); e o maravilhoso coral da Universidade de Juiz de Fora. No início, membros do Congressinho Infantil fizeram uma breve e graciosa apresentação.

A emissora local da TV-Globo enviou um repórter que filmou algumas atividades do evento e entrevistou o Presidente da BEL, Prof. José Passini.

## Terça-feira

Durante todo o segundo dia do Congresso, várias palestras ocorreram, entre as quais: Leciono pri korelativoj por bazaj lernantoj (Aula sobre pronomes correlativos para principiantes) com Paulo Carvalho; Vortaro Túlio Flores: Kio ĝi estas? Kion ĝi celas? (Dicionário Túlio Flores: O que é? Qual é o seu objetivo?) com Túlio Flores; Mia Vizito al Kubo (Minha visita a Cuba) com José Lunazzi; Stilo-Evoluo de Zamenhof (Evolução do estilo de Zamenhof) com Paulo Sérgio Viana, que brilhantemente substituiu o palestrante Floriano Pessoa, acidentado no primeiro dia do evento; Maniero Sekrete Skribi Numerojn (Modo Secreto de Escrever Números) com João Silva dos Santos; palestra e lançamento do livro "Mi estas Spirito" (Sou Espírito) com Márcia Soares; Esperanto-Terapio (Terapia do Esperanto) com Alberto Flores. Além destas, ocorreram duas palestras em português: "Estudo Comparativo do

Esperanto com outros idiomas", com Marco Fletto, e Contação de Histórias "Emengarda, a Barata e Pitulu", com Maria das Graças Augusto.

Em uma das salas, durante toda a manhã, se desenvolveu um Seminário promovido pela Sociedade Lorenz, com o palestrante Affonso Soares, sobre o Centenário do Esperanto na FEB (Federação Espírita Brasileira), lançamento de diversos livros da Editora Lorenz, e apresentação artística.

Em outra sala, ocorreu a notável palestra do jovem Dominique Viera sobre a revista virtual científica TELESKOPO, na versão em Esperanto. Paralelamente em outras duas salas, desenvolviam-se o lançamento do DVD "Esperanto estas..." (Esperanto é...) com Rogerner Pavinski, e o Curso Superior de Esperanto, com Prof. Geraldo Mattos.

Na parte da tarde, em salas reservadas, foram oferecidas atividades de Dança de Salão, e uma reunião sobre Divulgação organizada por um representante da BEL. À noite, foi apresentada uma peça de teatro sobre a vida de Zamenhof, em português (Zamenhof - um linguista com alma de poeta). Parabéns à direção, que inteligentemente conseguiu resumir 57 anos da vida do iniciador do Esperanto em uma hora, e à interpretação profissional dos mais de 10 atores.

## Quarta-feira

Quarta foi mais um dia com muitas palestras: Zamenhof - 150ª Datreveno (Zamenho - 150º Aniversário) com Prof. José Passini, que proferiu a mesma palestra primeiramente em Esperanto e posteriormente em português; Kiel elpaki la donacon de la senatano (Como desempacotar o presente do Senador Cristovam Buarque) com o Prof. Leite Jr.; Prelego-Festivalo laŭ Komuna Europa Referenc-Kadro (Festival de preleção nos moldes do Quadro Referencial Comum Europeu) com o Prof. Paulo Nascentes; Esperanto kaj la interna ideo (Esperanto e a idéia interna) com o radialista Givanildo Ramos; Esperanto dialektiĝas (o Esperanto se transforma em dialetos) com o Prof. Geraldo Mattos; "Significados e Sentidos: Um Olhar sobre o Busto de Zamenhof", com Raphael Reis, em português; Libro-servo: Enspezo-fonto neglektata de kluboj kaj asocioj (Venda de livros: uma fonte de renda negligenciada por clubes a associações) com José Roberto Tenório; Meditado (Meditação) com Elmir Lima, La Vivo de Sérgio Buarque de Holanda (A vida de Sérgio Buarque de Holanda) com Raphael Henrique; Saĝeco de Proverboj (Sabedoria dos Provérbios) com Ismael de Miranda; Propono por Altigi la Rolon de Scienca Revuo en Scienca Medio (Proposta para Elevar o Papel de uma Revista Científica no Meio Científico) com Wendel Teles Pontes; Leĝo de Amo (Lei de Amor) com Robinson Mattos; Bono Ricevita de Esperanto dum Tuta Mia Vivo (Bem Recebido do Esperanto ao Longo de Toda Minha Vida) com o poeta Manoel Borges dos Santos; e "O que é o Esperanto - Atividades", com Marlene da Cruz.

Paralelamente às palestras, ocorreram as seguintes atividades: curso de Iniciação à Língua Japonesa, com Marcelo Viera; Dança Circular Sagrada,

com Susana Assis; Curso Superior de Esperanto, com Prof. Geraldo Mattos; Minicurso de Esperanto, com Jair Salles; e Exames oral e escrito - nível básico, com Francisco Wechsler. À noite, das 18h às 22h, no Salão de Festas, foi oferecido um Baile com músicas selecionadas por um DJ esperantista.

## Quinta-feira

O quinto dia do congresso, como os anteriores, ocorreu com muitas atividades. Proferiram palestras: Ivaldo Alves, sobre o tema Junularo Investata, Redono Garantiata (Investimento na Juventude, Retorno Garantido); Aloísio Sartorato, sobre 46 Jaroj da Esperantista Vivo: Rememoroj kaj Spertoj (46 anos de Convivência Esperantista: Reminiscências e Experiências); Lucas Vignoli, sobre La Religiaj Baroj - Interkulturaj Defioj (Barreiras Religiosas - Desafios Interculturais); Mauricio Monken, sobre Menopaŭzo: Ĉu kuracenda virina vivofazo aŭ nezorginda periodo? (Menopausa: fase da vida feminina que requer tratamento ou período que dispensa cuidados?); Nazaré Laroca, sobre Ni pensas kaj parolas per konceptaj metaforoj (Pesamos e falamos por metáforas conceituais); Luiz Alberto Coelho, sobre Pasporta Servo (Serviço de Intercâmbio); Wendel Teles Pontes, sobre Bestoj: biologiaj klarigoj al neordinaraj kondutoj (Animais: esclarecimentos biológicos para comportamentos incomuns); Marcos Bissoli, em português, sobre o "Grupo Ligustra" - Zamenhof e Paulo Freire: Pedagogia Crítica da Libertação no Ensino Formal do Esperanto; Márcio Nascimento, sobre Kiel Strukturigi Nian Movadon (Como Estruturar Nosso Movimento); e Liette Leila Pessoa, sobre Aprendi o Esperanto e agora comunico-me com o mundo.

Paralelamente às palestras, em outas salas se desenvolveram as seguintes atividades: Simpozio pri la Disvastigado de Esperanto per Radio (Simpósio sobre a Divulgação do Esperanto por meio do Rádio), com Fabiano Henriques; Renkonto de membroj kaj simpatiantoj de Brazila Sekcio de ILEI (Encontro de membros e simpatizantes da Seção Brasileira da Liga Internacional dos Professores de Esperanto (ILEI), com José Roberto Tenório; Luphomo - luda momento (Lobisomem - momento recreativo) com Renan Ramiro; Minicurso de Esperanto, com Jair Salles; e Curso Superior de Esperanto, com o Prof. Geraldo Mattos.

À noite, no pátio do Liceu, ocorreu uma Festa Junina com uma quadrilha esperantista, sob o comando de Ângela Faria. Aos participantes foram oferecidos doces e bebidas típicos das festividades juninas.

Em resumo, o 44º Congresso Brasileiro de Esperanto revelou-se um evento digno dos esperantistas brasileiros, que dificilmente será superado pelos próximos congressos brasileiros: eis um desafio para os organizadores do 45º BKE, que acontecerá no próximo ano, no mês de julho, em Campo Grande, Mato Grosso do Sul.



*Tradução do texto original, em Esperanto, escrito por Aloísio Sartorato*

# Congresso Universal de Esperanto foi alvo de atos de vandalismo e violência

***Noticiário Esperantista*** (Fabiano Henrique)
Fabhenrique @bol.com.br

Terminou, no último sábado, o Congresso Universal de Esperanto. Aproximadamente duas mil pessoas foram à cidade de Bialystok, na Polônia, festejar os 150 anos do criador do idioma, o médico Lázaro Luís Zamenhof. O tema central foi Criar uma ponte de paz entre os povos: Zamenhof hoje.

O evento despertou a atenção das mídias local e internacional. Jornais e sites de todo o mundo publicaram matérias sobre o congresso. Emissoras de rádio enviaram equipes para a cobertura das atividades. Estações de TV gravaram reportagens no local.

O presidente da Associação Universal de Esperanto, o professor indiano Probal Dasgupta, abriu o congresso com um discurso que relacionou as figuras de Zamenhof e Gandhi, enfatizando que, muito mais que nutrir um sentimento de simples nostalgia, a comunidade esperantista deve reinterpretar o legado deixado pelo criador da língua internacional neutra, com vistas à transformação do presente e do futuro.

O prefeito de Bialystok, Tadeusz Truskolaski, compareceu às solenidades de abertura e encerramento, além de ter recebido os congressistas na sede da prefeitura. No palácio municipal, Louis Christoph Zaleski-Zamenhof, neto do idealizador do esperanto discursou. Outras autoridades locais marcaram presença.

Apesar de toda a atmosfera de paz emanada pelo congresso, uma série de atos de violência maculou o evento. Dias antes da solenidade de abertura, uma das paredes de lona do pavilhão central do local das atividades foi inteiramente queimada. A comissão organizadora gastou cerca de 2.500 euros para mandar pôr às pressas nova lona.

O monumento em homenagem a Zamenhof, localizado no centro de Bialystok, foi atacado. Segundo testemunhas, uma pessoa encapuzada atirou um coquetel molotov em direção à estátua. Presume-se que a agressão tenha-se dado por racismo, visto que o criador do esperanto é de origem judia. Posteriormente, o Centro Cultural Zamenhof foi atingido da mesma forma, sem, contudo, incendiar-se. Desconhecidos também furam pneus dos ônibus que transportariam os congressistas.

No último dia do congresso, uma pedra foi arremessada contra a janela do alojamento coletivo. De acordo com o site Libera Folio, um jovem brasileiro, cuja identidade ainda não foi revelada, foi atingido no rosto. O ferido foi imediatamente medicado.

Perplexidade e indignação traduzem os sentimentos da maioria dos esperantistas que têm postado comentários na internet. De acordo com o presidente da Federação Italiana de Esperanto, Renato Corsetti, a existência do nacionalismo violento e da xenofobia justifica o esforço da comunidade esperantista em prol da fraternidade. A polícia investiga a autoria dos ataques, mas ainda não tem suspeitos.

# Governo do Brasil reage favoravelmente ao Esperanto

***Noticiário Esperantista***
(Fabiano Henrique)
Fabhenrique @bol.com.br



A Presidência da República brasileira reagiu favoravelmente ao apelo dos esperantistas. Segundo o site Libera Folio, a assessoria do presidente Luís Inácio Lula da Silva respondeu oficialmente à proposta da Associação Universal de Esperanto (UEA), enviada aos chefes de Estado de Brasil, Rússia, Índia e China. A carta foi lida no dia primeiro de agosto, durante a solenidade de encerramento do congresso mundial do idioma, em Bialystok, na Polônia. Lula agradece ao dirigente da UEA, Probal Dasgupta, pela preocupação com a igualdade nas relações internacionais, tanto na economia, como no campo lingüístico. Posteriormente, expressou admiração pelo trabalho dos esperantistas em todo o mundo. O líder sul-americano destacou a esperança de que um dia o Esperanto venha a ser aceito pela maioria das nações como língua para facilitar a comunicação sem barreiras. O texto é concluído com a observação de que a proposta dos esperantistas é baseada em valores que transcendem a mera propaganda da língua auxiliar neutra.

# Importante comunicado aos esperantistas brasileiros

José Savaira Mattos
resgatesaraiva@ig.com.br

É necessário informar que no BRASIL existem mais de 100 (cem) avenidas, praças e ruas que se chamam: ESPERANTO e Dr. ZAMENHOF. Infelizmente, os moradores daqueles locais, não sabem nada sobre a Língua Internacional, e também sobre o genial criador de tão admirável meio de comunicação mundial.

O que fazer? – "... nós, esperantistas, devemos trabalhar mais energicamente do que outrora". Observando essa recomendação do Mestre, (2° Congresso em Geneva em 1906) ."Nós esperantistas" do BRASIL  devemos ir individualmente, de dois, de três ou em grupos maiores, àqueles locais, e com clareza e objetividade, esclarecer a eles, o que é o ESPERANTO, e quem foi o seu genial criador. – Só é necessário isso!.- Devo acrescentar que em SALVADOR, a Diretoria da ABE já realiza esse trabalho. No corrente ano, já duas vezes visitamos à Rua ESPERANTO, bairro da GRAÇA, e lá distribuímos grande quantidade de folhetos com esclarecimentos sobre o tema. Esse mesmo trabalho foi feito na Rua Cônego Pereira, onde se localiza a sede da ASSOCIAÇÃO.  Não devemos esquecer o que infelizmente aconteceu em SANTO ANTÕNIO DE JESUS-BA. Lá a rua ESPERANTO hoje chama-se: Av. Antônio Carlos Magalhães. – Obrigado pela vossa ilimitada paciência! – José Saraiva Matos – Salvador – Bahia – Brasil  – Tire cópias em grande quantidade e distribua!

NENHUM esperantista brasileiro deve ignorar a gravidade do  PROBLEMA!!!.

# Moralo kaj Politiko



**José Dias Pinto**
*Santo André/SP*

Iam, en la pasinta jaro, la esperanta redakcio de Radio Polonia*, dum unu el siaj ĉiutagaj podkastaj programoj, en programero pri novaĵoj, informis pri la realigo de studumo por politikistoj. Laŭplane unu, kiun aliaj sekvos en tempo kaj ofteco nedifinitaj. Por la unua oni elektis plurajn temojn opiniatajn interesaj por politikistoj kaj interesatoj pri Politiko. Inter la temoj forestis Etiko eble ĉar, ankaŭ en Pollando, fremda al la intereso-kampo de politikistoj kaj partneroj.

La temoj supozate altirantaj la intereson de politikistoj estas tiuj tuŝantaj la intereson de la socio aŭ, almenaŭ, de ĝia parto kiu elektis ilin. Sen atento pri tio, ili riskas ne reelektiĝi. Ili devas do reale aŭ fikcie defendi tiujn interesojn, eĉ se per tio ili laboras por nur tre malgranda parto de la socio. Tia estas la Demokratio. Ĝi funkcias per kaj por la kunharmoniigo de interesoj. Ofte tamen politikistoj oferas la interesojn de siaj elektintoj aŭ de la tuta socio sur la altaro de siaj propraj.

La politika klaso estas specimeno de la socio en kiu ĝi agas, kun siaj virtoj kaj malvirtoj, egoismo kaj solidareco, mildo kaj aplombo, akaparemo kaj malavareco.

Kiam oni severe riproĉas al la politikistoj iliajn deliktojn kaj krimojn, korupton kaj koruptatecon, subaĉeton kaj subaĉatecon, oni montras justan indignon, kiun ĝenerale ne akpompanas ia konscienca malkomforto pro la propraj pekoj kaj deliktoj.

Oni preteratentas, ke tia memtoleremo estas la adekvata grundo por la prospero de fiaj plantoj.

Estas tamen diferencoj inter samaj krimoj de malsamaj krimintoj.

Seksatencoj kontraŭ infanoj estas ĉie kaj ĉiam abomenindaj, sed ili iĝas ankoraŭ pli forpuŝaj se praktikataj de tiuj el kiuj oni rajtas esperi edifajn ekzemplojn. Ili ja elektis por si oficojn au postenojn , kiuj devus esti imunaj al moralaj devioj.

Kiam pastroj aŭ instruistoj, montriĝas pedofiliuloj, la indigno estas multe pli granda ol kiam la saman krimon faras komuna civitano, ankaŭ tial ke ilia sinteno makulas la respektivajn klasojn kaj reduktas la fidon je simboloj pri imitindo. La unuaj kompromitas eklezion (kaj sencampleksige, la Religion), la duaj la edukajn instancojn. Kiam juĝistoj montras sin same deliktemaj kiel la homoj, kiujn ili devas juĝi, ili damaĝas la Justicon kaj makulas la respektindon kiu nepras ĉe ĝi. La malhonestaj politikistoj — plej danĝere, ĉar plej sisteme kaj multnombre — korodas la Demokration.

Tiel oni subfosas kvar pilastrojn de kontentige pace kunvivanta socio, ebliganta dignan vivon al siaj civitanoj. Tiel oni konsumas la fidon je la homo, je la socio. Kaj socia malfido estas terure prema malsano. Skeptikuloj povus diri koncerne al la pastroj, ke religio estas lambastono, sed estas ja homoj kun specialaj bezonoj. Kaj, ĉar ne ĉiu homo uzas la saman apogbastonon,

estus bonvena la interreligia homarana toleremo.

Rilate al la politikistoj oni emas kredi, ke maloftaj estas tiuj kiuj kondutas morale neriproĉinde. Kaj eĉ tiuj kiuj ne rekte krimas, plejofte kunkulpas pro siaj ignoro aŭ tolero al la krimoj, aŭ protektoj al la partneraj krimintoj.

Eble la funkciigo de kursoj por politikistoj kaj interesatoj, inkluzivantaj Etikon, helpus krei ĉe la alcelatoj bonan komprenon pri instrumentoj helpantaj al la ĝusta kaj justa plenumado de politikaj funkcioj. Kompreneble tamen, ke la kono pri Etiko, kiel scienco, ne estas garantio pri obeo al moralprincipoj. Oni ja konstatas, ke ignoron pri moralprincipoj oni trovas ĉe politikistoj kies elparoloj rivelas malbonan scion eĉ pri la propra lingvo, same kiel ĝi konstateblas ĉe kleraj kolegoj. Kaj ĉitiuj havas la danĝeran avantaĝon, ke ili kapablas, per sia lerta vortĵonglado, surmeti al mensogo la puran veston de la vero. Des pli malutilaj ili povas esti se, aldone al intelektaj rimedoj por persvade artifiki, ili disponas ankaŭ pri la materiaj instrumentoj por subaĉetado aŭ la preteco al subaĉetateco.

Iom post iom relativiĝas la nocioj pri "eraroj", pekoj, deliktoj kaj krimoj, kun la respektivaj nebulaj limoj kaj gradecoj. Kompreneble ke politiko kaj moralo ne estas ĉiam fidelaj kunirantoj. Moraluloj estus neefikaj politikistoj kaj ĉitiuj ne povas ĉiam agi sub la jugo de plena moralo. La "reala politiko" devigas la politikistojn pragmate oferi la bonajn decidojn pro la eblaj, multfoje kiel rezulto de kompromisoj ne ĉiam publikigeblaj. La afero estas akceptebla sub la devizo, ke estas pli bona io ol nenio. La problemo estas se tiu restanta bono estas malbona por la socio kaj bona nur por la grupo, kies interesojn la politikisto defendas aŭ — pli malbone — nur por li mem. Kaj kunaj, tiuj relativismo, ĉiaceleco kaj la funkcia ĉiarimedeco aŭtoras socian dramon.

* http://www.polskieradio.pl/podcast



## Meditoj

*Manoel Borges dos Santos (Dokito)*
*Muritiba-Bahia*

Mi aŭdas belmuzikon kaj meditas
Pri la pasinta tempo de ni du...
Ankoraŭ teras mi kaj vi spiritas,
Vivante novan vivon en la "blu´"...

Kia vi estas? Ĉu feliĉas vi?
Ĉu bonas via nuna ekzistado?
Ankoraŭ vi memoras mondon ĉi?
Ĉu vin ne pikas dornoj de Saŭdado?

Mi, kara, tre suferas ĉiutage,
Doloras ja saŭdad´en mia koro...
Kaj ĉiam mi revidas vin image,
Okuloj vualitaj de priploro!...

Sed certas mi ke vi ne ĉesas vivi,
En tiu mondo de Spirit´kaj Vero,
Ke ni denove kunos por kultivi
La grandan amon de ni du sur tero!...

# Kio nova?

*Verkis:*
**Machado de Assis**

*Tradukis:*
**Francisco Stefano Wechsler**

*(Kroniko publikigita la 5-an de novembro, 1893, en la Revuo "A Semana" (La Semajno). Dum tiu epoko, okazis la Dua Ribelo de la Mararmeo, kiam oni bombardis la apudmarajn urbojn Rio kaj Niterojo. Troviĝas en la teksto pluraj duonkaŝaj aludoj pri tiuj faktoj, spite al la rigora cenzuro ordonita de la tiama prezidanto Floriano Peixoto. Do efektive ekzistas du tavoloj de interpreto: unu pure komika, kaj la dua satiras la subpremon de novaĵoj.)*

Ekzistas en la komedio *Fronto kaj Malfronto*, de José de Alencar[1], rolulo, kiu, apenaŭ iu ensceniĝas, demandas lin: — *Kio nova?* Tiu rolulo kreskis dum la pasintaj kelktridek jaroj, dikiĝis, disbranĉiĝis al ĉiuj anguloj de la urbo[2], kie li eĥas ĉiumomente: — *Kio nova?* Neniu sukcesas elhejmiĝi sen aŭdi la nepran demandon, unue de najbaro, poste de tramkunuloj. Se ni ankoraŭ ne aŭdis ĝin de trama monkolektisto, tio ne okazas pro manko de intimeco, sed ĉar politikaj zorgoj ankoraŭ ne fordistris lin de pagigo de vojaĝbiletoj kaj de interŝanĝo de ideoj kun la kondukisto. Ĉio, tamen, alvenas siatempe kaj kompensas la perdon.

Mi konfesas, ke ĉi-semajne mi ekabomenis tian demandadon. Mi ne raportos la nombron da fojoj, kiam mi ĝin aŭdis lunde, por ne aspekti malfidinda. Marde, ŝajnis, ke mi legas ĝin presita sur muroj, vizaĝoj, grundo, ĉielo kaj maro. Ĉiuj ripetadis ĝin ĉirkaŭ mi. Hejme, vespere, tricent mil voĉoj kriegis el la profundo de l' senfino: — *Kio nova?* Ventoj, tajdoj, la azenino de Bileam[3], lokomotivoj, kanonoj, profetoj, ĉiuj voĉoj ĉielaj kaj teraj kunformis tiun ĉi krion unusonan: — *Kio nova?*

Mi deziris venĝon; sed kie trovi agon, kiu venĝus onin kontraŭ tuta urbo? Ne povante bruligi ĝin, mi adoptis delikatan kaj amikecan procedon. Merkrede, apenaŭ irinte surstraten, mi renkontis konaton, kiu demandis, post la kutima "bonan tagon":

— Kio nova?

— La tertremo.

— Kiu tertremo? Verdire pasintnokte mi aŭdis grandajn eksplodojn, kaj mi supozis, ke ĉiuj fortikaĵoj bombardas kune. Sed verŝajne tio okazis, tertremo; la muroj de mia domo ektremis; mi saltis el la lito; mi ankoraŭ surdas. Ĉu okazis ia katastrofo?

— Ruinoj, sinjoro, ja grandaj ruinoj.

— Ne diru tion! Almenaŭ la Strato de l' Juĝisto[4]...

— La Strato de l' Juĝisto restas netuŝita, kaj same la *Gazeto de Novaĵoj*[5].

— Sed kie ĝi okazis?

— En Lisbono.

— En Lisbono?

— Hodiaŭ, la 1-an de Novembro, antaŭ

jarcento kaj duono. Katastrofo, sinjoro! La tuta urbo en ruinoj. Imagu momente, ke ne ekzistus la Markizo de Pombal[6], — li ankoraŭ ne estis markizo, Sebastião José de Carvalho, brava homo, kiu ĉion reordigis, enterigante la mortintojn, savante vivulojn, pendumante ŝtelistojn, kaj rekonstruante la urbon. Oni citas la rekonstruon de Ĉikago[7]; mi pensas, ke ne malpli elstara estas la Lisbona epizodo, se konsideri la diferencon inter epokoj, kaj la distanco de unu popolo al unu homo. Brava homo, sinjoro! Malfeliĉego! terura malfeliĉego!

Iom senvorta, mia interparolanto pluiris, serĉante pli freŝajn novaĵojn. Mi decidis trairi la urbon, disdonande la tertremon al ĉiuj nesatigeblaj scivoloj. Mi rehejmiĝis kontenta; mi ĉerpis plezuron por la tuta tago.

Merkrede, la duan de Novembro[8], mi intencis iri strikte nur al la tombejo; sed ne ekzistas tombejo, kiu efikus kontraŭ la rolulo de *Fronto kaj Malfronto*. Baldaŭ post kiam mi transiris la pordegon de la funebra loĝejo, venis al mi amiko nigre vestita, kiu premis al mi la manon. Li venis viziti la restaĵojn de sia edzino (sanktulino!), suspiris kaj finis:

— Kio nova?

— Ili estis ekzekutitaj.

— Kiuj?

— La kuraĝo, tamen, kun kiu ili mortis, kompensis la frenezecon de la ago, se entute ĝi estis freneza; sed mi kredas, ke ne. Vere, ĝi estis skandalo. Krome, la perfido de la protektato kaj baptofilo estis malnobla; oni pagis al li la premion, sed la publika indigno venĝis la morton de la perfidito[9].

— Mi konsentas: protektato... Sed kiu estas la protektato?

— Fiulo, Lázaro de Melo.

— Mi ne konas lin. Do, ĉiuj estis ekzekutitaj?

— Ĉiuj; tio estas, du. Unu el la estroj estis kondamnita al dekjara ekzilo[10].

— Kiuj estis ekzekutitaj?

— Sampaio...

— Mi ne konas lin.

— Nek mi; sed kaj li kaj Manuel Beckman, ekzekutitaj en tiu ĉi malgaja tago de l' mortintoj... jam pasis du jarcentoj! Verdire, pasis pli ol ducent jaroj, kaj ilia memoro ankoraŭ vivas. Nobla Maranjano!

La vidvo mordis al si la lipojn; poste, kun tono de malgaja ironio, li murmuris:

— Kiam mi demandis vin, kio novas, mi atendis ion pli freŝdatan.

— Pli freŝdata estas nur la morto de Rocha Pita[11], en tiu sama tago, en 1738. Rimarku, kiel historio interplektiĝas kun historiistoj; en la sama tago, eble je la sama horo, mortis la farantoj kaj skribantoj de historio.

La vidvo malaperis; mi lasis min preteriri tiujn definitivajn domojn, kies loĝantoj nenion demandis, kompreneble ĉar ili jam ricevis respondojn pri ĉio. Karega tombejo, ja ĉe vi mi deziras loĝi kaj ne en tiu ĉi malkvieta kaj scivola urbo, kiu ne satiĝas pri esplorado nek pri sciado. Se ĉe vi mi loĝus definitive, mi ne aŭdus, kiel en la sekva tago, vendrede, la saman eternan demandon. Jam estis ĉirkaŭ la 11-a, kiam mi elhejmiĝis, armita per ŝipdrono, terura ŝipdrono, amiko mia.

— Kie? Kiu ŝipdrono?

— La kadavron de la ĉefa viktimo oni ne trovis; la maro servis kiel lia tombo. Natura tombo; li prikantis la maron, la maro repagis la kanton forkaptante lin de la tero kaj gardante lin por si. Sed ni akceptu, ke la homo pereis; la poemo, tamen, tiu poemo, kies unuaj kvar kantoj restis por montri, kiom valoras la ceteraj... Kompatinda Brazilo! kompatinda Gonçalves Dias[12]! La tria de Novembro, terura tago; 1864, malaminda jaro! Mi memoras, kvazaŭ ĝi okazis hodiaŭ. La sciigo alvenis multajn tagojn post la katastrofo. La poeto revenadis al Maranjano...

Malmultaj aŭskultis la ceteron. La aŭskultantoj sendis min interne al ĉiuj diabloj. Mi, serena, rakontadis, rakontadis, kaj deklamis versojn, kaj priskribis la impreson, kiun mi sentis, kiam mi vidis unuafoje la poeton. Mi estis ĉe la redaktejo de la *Tagĵurnalo de Rio*, kiam eniris viro eta, maldika, facilmova. Ne necesis, ke oni diru al mi la nomon; mi divenis, kiu li estas. Gonçalves Dias! Mi rigardadis, gape, kun ĉiuj sentoj kaj entuziasmoj de adoleskaĝo. Mi aŭdis kanti en mi la faman *Kanton de l' Ekzilo*. Kaj jen mi ripetadis la kanton, kaj deklamadis versojn post versoj. La kuraĝuloj, se ili eltenis ĝisfine, markis min; mi lasis ilin nur mortantaj.

Sabate, mi rimarkis, ke la demandontoj fuĝadis de mi, eble timante aŭdi pri la falo de la Roma imperio aŭ la konkero de Peruo. Ne fidante la epokon, mi elhejmiĝis kun la morto de Torres Homem[13] enpoŝe; ĝi estis ĵusega, povus trompi la stomakon. Tamen mi kredas, ke la eksplodo hieraŭa satigis la senokupajn scivolojn. Ne akuzu min pri kruelo. Se certas, ke la mortintoj regas la vivulojn, ne troas, ke la vivuloj sin defendu per la mortintoj. Tiel funkcias subkomprenata alianco por la sukcesa marŝado de homaj aferoj.

Hodiaŭ mi ne elhejmiĝos; neniu demandos min pri ajno. Nek vi, maldiskreta leganto, demandu min, por ke mi ne respondu, kiel en la komedio, en ties fina sceno: — *Kio nova?* demandas la scivolulo, enirante. Kaj unu el la junuloj: — *Ke ni tagmanĝos.*



1 Brazila verkisto kaj ĵurnalisto.
2 Rio, la tiama ĉefurbo.
3 Laŭ la Malnova Testamento (Nombroj 22:21-33) la azenino de Bileam vidas anĝelon de la Eternulo kaj forturniĝas; sed Bileam ne vidas Lin kaj batas la azeninon, kiu fine plendas al Bileam.
4 Strato por piedirantoj, tiam kun multaj luksaj butikoj.
5 Unu el la ĉefaj tiamaj ĵurnaloj, kies sidejo situis ĉe tiu strato.
6 Ĉefministro de Portugalujo (1750-1777), kiu rekonstruigis Lisbonon post ĝia detruo fare de tertremo.
7 Ĉikago forbrulis en la somero de 1871, sed estis rapide rekonstruita.
8 Dato, kiam oni rememoras la mortintojn kaj vizitas iliajn tombojn.
9 Temas pri ribelo okazinta en la ŝtato Maranjano (1684-1685), kiun estris Manuel Beckman kaj Jorge Sampaio de Carvalho. La bofilo kaj protektato de Manuel perfidis kaj arestis lin, kaj rekompence ricevis la postenon de milickapitano. Tamen liaj komandatoj rifuzis obei lin, pro lia perfido.
10 En Afriko, laŭ la tiama kutimo.
11 Brazila advokato, poeto kaj historiisto (1660-1738).
12 Brazila poeto (1823-1864), mortinta en ŝipdrono proksime de la marbordo de Maranjano.
13 Francisco de Sales Torres Homem (1812-1876) estis ĵurnalisto, politikisto, verkisto, kuracisto kaj unu el la malmultaj nigrahaŭtaj eminentuloj dum la imperia periodo de Brazilo (1822-1889).

# Euclides da Cunha - nia tragika geniulo



**Paulo Sérgio Viana**
*Lorena/SP*

La brazila literaturo kaj kulturo multe ŝuldas al Euclides Rodrigues Pimenta da Cunha, kiu naskiĝis en la urbo Cantagalo/RJ (1866) kaj tragike mortis en Rio (1909). Post cent jaroj, oni rekonas lian talenton kaj plurloke, plurokaze omaĝas lin. Li lasis senmortan verkaron, interalie "Os Sertões", kiu meritoplene fariĝis absoluta klasikaĵo en la portugala lingvo. Ni aliĝu al tiaj omaĝoj.

Li travivis iujn tragediojn. Li komencis militistan karieron je la 21-jara aĝo, sed oni forigis lin de la lernejo pro ofendo al ministro: pro siaj respublikanaj principoj, li ĵetis la glavon ĉe la piedojn de lia moŝto. Post proklamo de respubliko en Brazilo, li reprenis siajn militistajn studojn. Post la kurso, li laboris kiel inĝeniero kaj instruisto. Pontojn li konstruigis en la urboj Lorena kaj São José do Rio Pardo, ambaŭ en ŝtato San-Paŭlo; en Amazonio, li laboris por fiksado de landlimoj kaj verkis belan tekston pri la vivo de kaŭĉukrikoltistoj, nome "Judas-Ahsverus". Por pluraj ĵurnaloj li ofte kontribuis – precipe por la grava "O Estado de S. Paulo". Je la 21-a de septembro 1903, oni elektis lin por Brazila Akademio de Beletro. La granda stilisto tamen mortis per tragedia maniero. Konflikta kunvivado kun la edzino – kiun li senĉese suspektis pri malfideleco – kondukis al kruelaj faktoj: oni eĉ asertas, ke unu ŝia filo mortis forlasita en fermita ĉambro, pro tio, ke la edzo suspektis pri bastardeco. Alian knabon onidire li kutimis nomi "maizospiko meze de kafplantejo", alude al la blondeco de la etulo kompare kun la bruneco de la fratoj. La tuta afero kulminis per interpafado, kaj la supoza rivalo mortigis la verkiston kugle.

***

"Os Sertões" meritas apartan komenton. Temas pri eminenta libro. La stilo estas mirinde erudicia, eleganta, belsona kaj harmonia. Interne de multaj frazoj troviĝas sinsekvoj da vortoj, kiuj formas belajn versojn, kun perfekta metriko kaj ekvilibro. La ideoj estas noblaj kaj elvokivaj, kvankam tre influitaj de konceptoj el la 19-a jarcento, kiuj nuntempe sonas strangaj al niaj oreloj, precipe koncerne rasojn kaj psikajn ecojn. Euclides da Cunha verkis ĝin okaze de ĵurnala raportado por "O Estado de S. Paulo", kiu invitis lin vojaĝi al ŝtato Bahia. Tiutempe okazis en la landinterno ribelo de mizeruloj, gvidataj de fanatika, stranga religiulo, Antono Konsilanto. Lia predikado, miksaĵo de primitivaj kristanismo kaj fideleco al monarkio, kondukis liajn sekvantojn al teruraj masakroj. La brazila registaro sendis kvar ekspediciojn por sufoki la ribelon kaj la tuta kampanjo trapasis sovaĝajn kruelaĵojn. La sociologia graveco de la verko montriĝis per la sagaca interpreto de la kvalitoj de la kamparana popolo en nia landinterno, en tempo, kiam la brazila kulturvivo pulsadis sole nur ĉe la marbordo. Li rompis antaŭjuĝojn rilate tiun alian, malsaman brazilan socion kaj malfermis vojon al pli profunda kompreno pri la tutbrazila nacieco.

La libro dividiĝas je tri partoj: “La tero”, “La homo”, “La batalo”. En ili la aŭtoro analizas geologiajn, botanikajn, zoologiajn, hidrografiajn aspektojn de la regiono, krom la moroj kaj religiemo de kamparanoj. Kaj fine li priskribas la nenecesan kruelecon de la batalo.

Mankas Esperanta traduko de tia nemalhavebla verko. Kiu kuraĝos? La tasko ne estas facila, sed nia lingvo plene kapablas transdoni la grandiozecon de la originalo. La problemoj komenciĝas ĉe la titolo, ĉar la vorto “sertão”, en la portugala lingvo, havas plurajn signifojn: “sovaĝa regiono for de vilaĝoj kaj de kulturataj grundoj”, “grundo kun herbaĉoj, for de la marbordo”, “maldense loĝata regiono en la norda kaj nordorienta regionoj en Brazilo, kie oni trovas tipajn tordbranĉajn arbojn, sekan klimaton kaj primitivan brutbredadon”. En tia situacio, oni facile emas krei neologismon. La talenta Leopoldo Knoedt proponis “sertono” – kaj aliaj kompetentuloj jam proponis “sertano”. Sed kion precize la nova vorto signifus? Eble utilos esplori, kiel tradukistoj en aliaj lingvoj solvis la problemon: “Krieg im Sertão” (germane); “Los Sertones” (hispane); “Les terres de Canudos” (france); “L’assedio di Canudos” (itale); “Rebellion in the backlands” (angle). Ĉu eventuale la Esperanta titolo ne povus esti, simple: “Ribelo en Canudos”, aŭ “Brazila sovaĝa landinterno”? Ni plu cerbumu pri la afero...

***

Por stimuli konatiĝon kun la cefverko de Euclides da Cunha (multaj brazilanoj ankoraŭ ne legis la libron!), kaj inciti eventualajn kuraĝulojn al traduko de la tuta verko, jen mi proponas pecon, por kritiko kaj plibonigo, fare de pli kompetentaj tradukistoj:

*“Brazila nordkamparano estas super ĉio ia fortulo. Li ne prezentas tiun lacan malviglecon de la neŭrasteniaj marbordaj mestizoj.*

*Tamen, je unua rigardo, la eksteraĵo montras la malon. Mankas al li tiu senriproĉa korpharmonio, tiu impona sinteno, tiu perfekta strukturo de atletaj organismoj.*

*Li estas maleleganta, misartika, torda. Herkulo-Quasimodo, li reflektas per sia eksteraĵo ian malbelecon karakterizan de malfortuloj. Malfirma irado, nerekta, preskaŭ balanca kaj sinua, ŝajne moviĝado de senartikaj membroj. Tion reliefigas la ofte senenergia sinteno, kiu esprimas neglektemon, donanta al li ian malĝojigan humilecon. Starante senmove, li ĉiam apogiĝas al apuda pordokadro aŭ muro; rajde, okaze de haltigo por interŝanĝi rapidan interparolon kun konato, li tuj kliniĝas sur unu el la piedingoj, por ripozi sur la selflanko. Kiam li marŝas, eĉ se rapidpaŝe, tiam li ne faras rektan, senhezitan vojon. Li rapide antaŭeniras, kun tipa balanciĝado, kiu geometrie similas la neregulajn kamparanajn padojn. Kaj se li haltas pro plej banala motivo, ĉu por rulprepari cigaredon, ĉu por skrapi la fajrilon aŭ por supraĵe babili kun amiko, tiam li tuj falas – fali estu la verbo – sur la kalkanojn, kaj longe li restadas en nestabila ekvilibro, en sinteno laŭ kiu lian tutan korpon subtenas la piedaj dikfingroj, dum li sidas sur la malantaŭa parto de la piedoj, en simplanima maniero, samtempe ridinda kaj aminda.*

*Li estas ĉiam laca homo.”*



# Portreto de patrino

**Don Ramon Angel Jara**
Episkopo de La Serena (Ĉilio)

*El la hispana tradukis portugalen: Guilherme de Almeida*
*El la portugala esperantigis: Osvaldo Pires de Holanda*

Simpla virino ekzistas ke, pro la vastego de sia amo, ŝi havas iometon de Dio;

kaj pro la konstanteco de sia sindediĉo ŝi havas multon de anĝelo; ke estante juna, ŝi pensas kiel maljunulino kaj estante maljuna, ŝi agas per ĉiuj fortoj de la juneco;

kiam malklera, plibone ol iu ajn saĝulo, ŝi malkaŝas la sekretojn de la vivo, kaj, kiam saĝa, ŝi prenas sur sin la simplecon de la infanoj;

malriĉa, ŝi scias riĉigi per feliĉo tiujn, kiujn ŝi amas, kaj riĉa, sin malriĉigi por ke ŝia koro ne sangu vundita de la nedankemuloj;

forta, tamen, ŝi tremetas antaŭ la ploro de infaneto, kaj malforta, tamen, ŝi altiĝas antaŭ la braveco de leonoj;

dum ŝia vivo, ni ne scias valorigi ŝin, ĉar sub ŝia ombro ĉiuj doloroj malaperas kaj, post ŝia morto, ĉion, kio ni estas kaj ĉion, kion ni posedas ni donus por revidi ŝin kaj de ŝi ricevi ĉirkaŭbrakon, aŭ unu vorton de ŝiaj lipoj.

Ne postulu, ke mi diru la nomon de ĉi tiu virino, se vi ne volos, ke mi malsekigu per larmoj tiun ĉi albumon: ĉar mi vidis ŝin preterpasi mian vojon.

Kiam viaj gefiloj kreskos, legu al ili tiun ĉi paĝon, ili kovros vian frunton per kisoj kaj diros, ke malriĉa vojiranto, interŝanĝe de la luksa gastigado ricevita, lasis ĉi tie por ĉiuj la portreton de sia Patrino.

# 4-a Kongreso de Esperanto de la Ŝtato San-Paŭlo

*de la 10-a ĝis la 12-a de oktobro 2009*
**Bauru/SP**

**Mediprotektado: unuopa kontribuo, kolektiva ĝuo**



Por pliaj informoj, vizitu la kongresan retejon
http://kongreso.easp.org.br

**Realigo:**
Esperanto-Asocio
de San-Paŭlo

easp

**Organizado:**
Esperanto-Societo
de Bauru



**Apogo:**
Centro Hermes de
Educação Superior

H
Centro Hermes

Brazilei

# Ĉiam venigante surprizojn al vi!

## Vizitu la novan retejon




# http://ileibr.org/brazilei